20a Jaro - No 4 (206) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aprilo 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTANTO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1336.67 (Wilrijck)

## NIA HONORA PREZIDANTO

# LEOPOLDO LA III-a

**La lasta numero de « Belga Esperantisto », kiun aperigis nia bedaŭrata direktinto S-ro Schoofs, estis grandparte dediĉita al la morto de nia granda Reĝo Alberto Ia.**

**La deziro de S-ro Schoofs estis, ke la sekvanta numero estu ankaŭ grandparte dediĉata al la Reĝa Familio, kiu en Belgujo donis tiom da pruvoj de simpatio al la Esperanto-movado.**

**Lia intenco estis tial, iom detale priskribi la inaŭguracian ceremonion, kiu okazis en Bruselo la 23an de Februaro, okaze de la surtronigo de Leopoldo, Duko de Brabanto kaj Honora Prezidanto de « Belga Ligo Esperantista ».**

**Tial S-ro Schoofs tradukis esperantlingven, la tutan paroladon, kiun la juna Reĝo elparolis je tiu okazo. Estas la folioj de tiu parolado, kiujn ni retrovis sur lia pupitro, post la tiel subita morto de nia amiko.**

**La traduko ne jam estis definitiva, kaj por kelkaj esprimoj, du eĉ tri tradukoj estis skribitaj sur la papero.**

**Ni kredas, ke estas nia devo meti tiun lastan prozon de nia kara direktinto antaŭ la okuloj de niaj legantoj.**



* * *

Kiel ĉiuj scias, la kunsido, pri kiu temas, okazis en la Parlamentejo, (Salono de la Deputitaro), sub la prezidanteco de S-roj Digneffe kaj Poncelet, prezidantoj de ambaŭ Ĉambroj.

Post kiam S-ro Digneffe estis malferminta la kunsidon, du grupoj de deputitoj iris en apudajn salonojn por serĉi la Reĝinon kaj poste la Reĝon.

Estis la 11-a tre precize, kiam granda silento fariĝis en la salonego : La Reĝo !

La delegacio unue eniris la salonon kaj la eniro de la Reĝo estis salutata per tondra aplaŭdo.

Post kiam la Reĝo estis salutinta la Reĝinon, la Princojn, la ambasadorojn, la diplomatojn kaj la tutan kunvenon, la Reĝo supreniris la ŝtupojn de la Trono.

Tiam starante, la Reĝo diris en ambaŭ lingvoj franca kaj flandra la ĵurformulon :

« Je jure d'observer la Constitution et les Lois du Peuple belge, de maintenir l'indépendance nationale et l'intégrité du territoire ».

« Ik zweer de Grondwet en de wetten van het Belgische Volk na te leven, de nationale onafhankelijkheid, alsmede de ongeschondenheid van het Grondgebied te handhaven ».

(Mi ĵuras observi la Konstitucion kaj la leĝojn de la Belga Popolo, daŭrigi la nacian sendependecon kaj la tutecon de la Teritorio).

Post kiam ĉiuj estis aplaŭdintaj la novan reĝon, tiu ĉi, sidiĝinte, legis, denove en ambaŭ lingvoj, jenan paroladan :

**Parolado de Reĝo Leopoldo.**
(Traduko de Frans Schoofs).

Sinjorinoj, Sinjoroj,

Mi kaŝas al mi nek la vastecon, nek la gravecon de la respondecoj, kiujn mi prenas sur min, je la momento kiam mi, kruele suferanta pro

la tragedia morto de patro profunde amata, akceptas kontraŭ vi la solenan promeson kiu, laŭ la Konstitucio, sigelas interkonsenton pri reciproka fido inter la Suvereno kaj la Nacio.

Mi konas la devojn malfacilajn ligitajn al tiu ĵuro. Por ilin plenumi senmanke, mi agos nur laŭ la ekzemploj de miaj tri grandaj antaŭuloj.

Laŭ la tradicio, kiun ili fortike starigis, la Belga Dinastio estas je la servo de la Nacio. Mia firma volo estas, tion neniam forgesi.

De la fondo de la monarĥio ĝia signo ĉiam estis la oferema sindono al la komunaj interesoj de la Lando. Ĝi estis la konstanta zorgo kaj la virto de mia Patro. Ĉiuj Belgoj komprenas la bonfarojn kiujn naskas tia kunlaboro de la Nacio kaj ĝiaj Reĝoj. Tio klarigas la propramovajn kaj unuanimajn atestojn de alligeco, kiuj de ĉiuj flankoj supreniris ĉirkaŭ ni.

Mi esprimas al la Nacio mian profundan dankemon pro la universala kaj senantaŭa honorigo dediĉita al la memoro de la bedaŭrata Reĝo, mia Patro kaj en tiuj ĉi danksentoj partoprenas mia treamata Patrino, kies senlima aflikto ĉerpas karan konsolon en la plorado de tuta popolo.

El la eksterlando venis al mi sennombraj kondolencoj. Je la nomo de mia Lando, mi kore dankas ĉiujn, kiuj pensis al ni, kaj unuavice la Suverenojn kaj Landestrojn, kiuj, per sia persona ĉeesto aŭ per altaŭtoritataj reprezentantoj, havis la delikatan penson, aliĝi al nia nacia funebro.

Aparte tuŝis nin la partopreno, ĉe la Reĝa entombiga soleno, de la bravaj ter- kaj mararmeoj el Francujo kaj Granda Britujo. Ĝi memorigas kaj plifortigas la noblan fratecon, kiu naskiĝis en neforgeseblaj tagoj de doloro kaj gloro.

Tiu memorigo elvokas la bildon de la heroa Estro de niaj propraj heroaj soldatoj, dank' al kiuj ni restis ni mem. La mortinta Reĝo dediĉis al siaj kunarmeanoj, inter kiuj mi mem vivis, sian plej profundan simpation. Ili estu certigataj miaflanke pri la sama korinklino, kiun mi vastigas super la nuna armeo, kiu ĉiam trovos en mi gvidanton sindonan kaj decideman.

La institucioj, kiujn donacis al ni la Fundamenta leĝo, kaj kiuj trapasis elprovadon pli ol centjaran, estas sufiĉe larĝaj kaj fleksеblaj por alkonformigi sin laŭorde kaj laŭleĝe, al la ŝanĝeblaj bezonoj de la tempo.

La Reĝo havis pri tio la profundan konvinkon kaj mi mem, laŭ lia ekzemplo, same intense tion sentas.

La socia paco estis inter liaj plej urĝaj zorgoj. Ĉio devas esti farata por efektivigi tiun pacon per la akordigo de la interesoj kaj per la unuigo de la koroj.

La tasko de la registaro estas malfacila en la krizotempo, kiun ni travivas. La malhelpoj multobliĝas sur la vojo de la interŝangoj inter la popoloj. Je pli ol unu okazo, la mortinta Suvereno montris la minacantan danĝeron kaj esprimis sian timon. Mian plej viglan subtenon mi donos al la klopodoj, kiuj celas konservi la Tutecon de nia tero, revivigi la laboron, la industrion kaj la komercon, kaj kiuj helpos nin eliri el le penplena situacio kiu trafas tiel peze la mezrangajn klasojn kaj la laboristojn.

De multaj jaroj mi speciale dediĉis min al la studo de la koloniaj problemoj. Kiel tion tiel bone komprenis la genia Suvereno, al kiu ni dankas la Kongolandon, la solvoj, kiujn atendas tiuj problemoj, estas intime ligitaj al la grandeco de la Patrujo. Ili daŭre kaptas mian atenton.

La intelektaj kaj moralaj fortoj fruktigas la disvolviĝon de popolo.

Neniam la Reĝo ĉesis stimuli la entreprenojn, kiuj celis naski kaj plivastigi la forton de kreado kaj la spiriton de sinofero. La arda entuziasmo, kiu instigis la starigon de la Nacia Kapitalo por sciencaj ekzamenoj respondis al unu el liaj plej belaj iniciatoj.

Mia plej arda deziro, ankaŭ en tiu fako, estas, sekvi liajn lumoplenajn direktivojn.

La sendependeco kaj la netuŝebleco de la teritorio estas nedisigeblaj de la nacia unueco. Belgujo nedividebla kaj sendependa estas historia faktoro de la Eŭropa ekvilibro.

La konkordo kaj la unueco, tiel forte esprimataj en la nuna momento, permesas al mi, nutri pri tio la plej kuraĝigajn esperojn por la tempoj estanta kaj estonta.

Belgujo ne ĉesos kunlabori al la organizo de la paco, kiu estas daŭrigata en honoro kaj rajto per la alproksimiĝo inter ĉiuj popoloj.

Ĝi restas ankaŭ firme preta por ĉiuj oferoj necesaj al la defendo de sia teritorio kaj de siaj privilegioj.

Sinjorinoj, Sinjoroj,

Mi donas min tuta al Belgujo. La Reĝino helpos min el sia tuta koro en la amo al la Patrujo.

Povu la dia Providenco min helpi.

Mia plej arda deziro estas, kunlabori por ke Belgujo, kiu glore travivis tiom da sortobatoj, feliĉe iru al sia destino de progreso, grandeco kaj prospero.

---

## QUO VADIS, BELGA ESPERANTO-INSTITUTO ?

S-ro Schoofs estis la Administranto-Prezidanto de la Koopera Societo « Belga Esperanto-Instituto ». Lia laboremo estis tiel granda, ke por multaj fremdaj kaj eĉ Belgaj amikoj la « Instituto » kaj S-ro Schoofs estis nur unu individueco.

Tial, multaj amikoj jam skribe aŭ buŝe demandis al estraranoj de la Ligo, kio okazos nun pri « Belga Esperanto-Instituto » kaj ĝia vendkaj presfako.

La respondo estas simpla :

S-ro Schoofs, dum longa tempo, faris efektive la plej grandan parton de la laboro. Li estis tamen mirinde helpata de sia edzino S-ino Schoofs.

Nu S-ino Schoofs promesis daŭrigi siarilate la laboron, kiun ŝi faris por la Instituto. **Do la sekcio de vendado kaj ekspedo de libroj daŭrigos regule funkcii.**

Aliflanke la Administrantaro konsistas el kvin pliaj membroj, kiuj, dum la vivo de la amiko Schoofs, tre certe fidis en lia laboremo por prizorgi la multajn aferojn.

Tuj post la morto de sia prezidanto, ili tamen kunvenis kaj ĉiuj el ili akceptis preni sur sin, parton de la laboro farota.

La societa jaro 1933-34 ĵus finiĝis la 31 an de Marto kaj la Administrantaro decidis, kapti la okazon de la ĝenerala jara kunsido de la akciuloj, por prezenti la kandidatecon de diversaj pliaj elementoj kiuj kiel administrantoj tre certe faros utilan laboron en la funkciigo de « Belga Esperanto-Instituto ».

**Tiel do ni povas garantii jam de nun, ke ĉiu letero, pri kia ajn temo, kiu alvenos, ricevos tujan respondon kaj tujan aranĝon.**

Rilate al la aferoj de la pasinteco, kiuj ne jam tute estis aranĝitaj, la Administrantaro sin okupas, por trovi kontentigan solvon.

Ke do neniu dubu pri nia financa organizaĵo. S-ro Schoofs ĉiam vidis en ĝi la levilon, kiu devas ebligi ĉiuspecajn realigojn.

Ni konservu tiun ideon de li. Ni ĉiuj helpu per subskribo, per mendoj, per kuraĝigoj, per laboro, por ke tiu organismo povu ankoraŭ efektivigi multajn planojn, en kiuj « Belga Ligo Esperantisto » marŝas, manoj en manoj, kun la gvidantoj de B. E. I.

La Administranto-Delegito,
Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

### A la Legantoj.

La Ligestraro dum dua speciala kunsido, okazinta la antaŭpaskan Jaŭdon, plie esploris la situacion kreitan per la subita morto de S-ro Schoofs.

Ĝi petis S-ron Cogen, 1-an vic-prezidanton, funkcii kiel prezidanto ĝis la normala reelekto de la Ligestraro, t.e. en la unua Komitata Kunsido, kiu okazos post la ĝenerala jara kunveno de la membroj.

Aliflanke ĝi demandis al S-ro Jaumotte, kiu post la morto de S-ro Schoofs tuj akceptis provizore direkti la revuon, tion nun definitive fari. S-ro Jaumotte do de proksima numero estas la Direktoro de nia organo al kiu ĉiu sin turnu pri aferoj tiurilate.

Ĝi demandis al S-ro Morris De Ketelaere, Oostenstraat, 25, anstataŭi S-ron Schoofs, en ties funkcio de ĉefdelegito de U.E.A. por Belgujo. Anstataŭanto de S-ro De Ketelaere, estos S-ro Hector Boffejon. (ambaŭ Antverpeno).

La Ligestraro ankaŭ fiksis la daton de la Komitata Kunsido, kiu antaŭiros la ĝeneralan jaran renkonton.

La Komitatanoj kunvenos en « Brasserie du Sac », Granda Placo, la 29an de Aprilo, je la 10a horo matene.

La Tagordo de tiu ĉi kunveno estas jena :

1. Funebra Laŭdo Frans Schoofs;
2. Situacio de Belga Ligo Esperantista;
3. Nia estonta laboro;
4. Konfirmo de la elektoj U. E. A.;
5. Eventuala partopreno en Ekspozicio Bruselo 1935;
6. Diversaĵoj.

La Ligestraro opiniis, ke ĉar la Kongreso estos anstataŭata nur per ĝenerala kunsido de la membroj ne estis necese konservi, por tiu ĉi kunveno, la daton de Pentekosto. Ĝi do okazos la 17an de Junio.

La Tagordo estos komunikata, en sekvanta numero de nia revuo. La Grupoj intertempe ekzamenu kiuj punktoj devos esti priparolataj kaj komuniku ilin al nia Ĝenerala Sekretario, S-ro Pétiau.

B. L.

* * *

### Alvoko.

Je la momento kiam mi reprenas la eldonon, nome de « Belga Ligo Esperantista » de la nacia organo, mia firma volo estas, ke la monata bulteno regule aperu, je la fino de ĉiu monato, kun la informoj pri la tuj sekvanta.

La efektivigo de tiu ĉi volo grandparte dependas de mi.

Mi volas tamen havi kun niaj legantoj, kaj speciale kun la legantoj, kiuj, iamaniere, ankaŭ estas kunlaborantoj, amikan interparoladon.

Ili ankaŭ devas helpi por ke tiu reguleco estu ebla.

La nura rimedo estas, ke ili faciligu la taskon de la eldonanto.

Kiom da fojoj ekzemple mi aŭdis nian bedaŭratan S-ron Schoofs plendi pri la fakto, ke li devis rekopii aŭ rekopiigi tekstojn manskribitajn.

Mi kompreneble ne intencas diri, ke mi ne presos tiajn tekstojn. Sed mi tamen volas atentigi pri la fakto, ke en tiu ĉi tempo, kiam estas skribmaŝinoj en la plej malgrandaj komunumoj, devas esti pli facile por korespondanto, trovi unu amikon, kiu rekopios 20 ĝis 30 liniojn por plezurigi lin, ol por la direktoro de B. E. trovi unu viktimon, kiu bonvolos rekopii la tekston de tuta numero.

Faru do vian plej grandan eblon, por ke ĉiuj tekstoj estu zorge maŝinskribitaj.

Al tio mi aldonos : neniam skribu sur la du flankoj de folio, tekston enpresotan, kaj elektu

se eble foliojn en 4° (ordinara komerca formato). Krom tio, sendu viajn tekstojn en formo, kiu, laŭ vi, permesos enpreson; tio estas : ne rakontu al la direktoro, en letera formo, aferojn, kiujn li devos artikolforme prilabori.

La teksto sufiĉas, sen letero aŭ nur kun du vortoj kaj via subskribo.

Ankaŭ grava afero estas, ke vi ne pritraktu en sama letero aferojn aranĝotajn de diversaj personoj. Se unu persono sin okupas pri diversaj aferoj, skribu la diversajn demandojn sur apartaj folietoj, tiel ke ĉiu el ili trovu sian oportunan lokon en aparta foliaro.

Fine, se via letero aŭ karto ne demandas klarigojn, sed nur rilatas al alsendo de gazeto aŭ, de libro, aŭ nur enhavas informon, ne atendu tiam respond-leteron.

Veraj kaj tute komercaj firmoj ja respondas, eĉ nur por diri, ke ili ricevis vian leteron, sed ne demandu tiom de la propagandistoj, kiuj oferas grandan parton de sia tempo por Esperanto.

Jen karaj geamikoj, kelkaj konsiloj, kiujn La Palisse mem estus povinta doni. Sed pripensu ke, en la ordinara vivo, ni ĉiuj ofte forgesas, esti tiel logikaj, kiel tiu glora heroo.

Ne ridu, sed sekvu la konsilojn.

Tiu, kiu estos unuavice danka al vi pro tio, subskribas.

Maur. JAUMOTTE.

## Belga Ligo kaj U. E. A.

Belga Ligo, pere de siaj grupoj iĝis, por la Belga Teritorio la kasisto de U.E.A. Tio signifas, ke ĉiuj membroj de lokaj grupoj, kiuj samtempe estas membroj de U.E.A., nun pagas la du kotizojn al la kasisto de sia grupo. Aliflanke la membroj de tiuj grupoj, kiuj ne pagas specialan kotizon al U.E.A., tamen estas de nun simplaj membroj de tiu ĉi lasta organizaĵo.

Pro tio en landoj, kiel la niaj, estas la Ligestraro kaj — en la komunumoj kie estas Ligaj grupoj — la lokaj grupoj, kiuj elektas, de nun, la delegitojn de U.E.A.

La estraro de la sekcioj de Belga Ligo do, kiel eble plej baldaŭ, kunvenigos sian membraron, por elekti la delegitojn kaj vic-delegitojn.

Ili sciigu poste al la Liga Sekretario, — antaŭ la 27a de Aprilo —, la nomojn de la elektitoj.

La Komitato de Belga Ligo, dum la kunsido de la Komitato, tiam konfirmos tiujn elektojn.

Ni memorigas ke la kotizoj por U.E.A. estas: Fr. 16 por M. J. (t.e. : membro kun jarlibro) ; Fr. 40 por M. A. (membro-abonanto, do kun la revuo « Esperanto ») kaj Fr. 175, por M. S. (membro-subtenanto).

La membroj de Belga Ligo aŭ de Liga grupo do likvidu per unu transpago ambaŭ kotizojn, se ili ĝis nun estis jam aliĝintaj al U.E.A.

Ni instigas ĉiujn membrojn de Belga Ligo ne kontentiĝi pri la simpla membreco de U.E.A..

## Grupa Kalendaro

*La numero de Majo aperos antaŭ la 30-a de Aprilo. La grupoj do tuj al S-ro Jaumotte sendu la okazontaĵojn de la sekvontaj semajnoj.*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

*Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.*

7 Aprilo : simpla kunveno de la membroj (funebra periodo).

14 Aprilo : simpla kunveno de la membroj (funebra periodo).

21 Aprilo : ĝenerala kunveno: elekto de la delegito kaj de la vic-delegitoj de U.E.A. (laŭ nova internacia statuto) - elekto de administrantoj kaj komisaroj.

28 Aprilo : eventuala dua ĝenerala kunveno : elekto de administrantoj kaj komisaroj (deviga laŭ statutoj, se ne la duono de la membroj partoprenis la unuan tiucele kunvokitan kunvenon).

2 Majo : kunveno de la ĝenerala estraro (administrantoj kaj komisaroj).

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

10 Aprilo : Priparolado de F-ino Suzanne Van den Berghe, pri : « Pentrarto » (Prez.: S-ino M. Algrain).

17 Aprilo : Supera Kurso, 8-a leciono. (Prez. F-ino Y. Thooris).

24 Aprilo : Konkursoj. (Prez. F-ino M. J. Van den Berghe).

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

Programo por la monato Aprilo.

Lundon, la 9an : S-ro Jasobsohn prezidos.
Lundon, la 16an : F-ino Obozinski prezidos.
Lundon, la 23an: S-ro Swinne prezidos.
Lundon, la 30an: F-ino La Haye prezidos.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ». — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée* (ĉe F-ino L. Baiwir, Rue des Grands Prés, 72): ĉiuvendrede je la 7-a h. vespere.

*Grupo de Lieĝo* (en lernejo St. Jean, Pl. Xavier Neujean), ĵaŭdojn 12-an kaj 26-an de Aprilo, je la 19-a 30 h.

*Grupo de Sclessin* (ĉe S-ro L. Dechesne, Rue Ernest Solvay, 1).

## Grupaj Raportoj

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La morgaŭan tagon de nia ĝenerala kunveno, nia amiko, S-ro Devillez, sukcesis, post personaj klopodoj, fari en la Lieĝa Rotary-Klubo paroladon pri Esperanto. La personoj, kiuj ĉeestis tiun kunsidon, tre interesiĝis je la problemo pri helplingvo Esperanto kaj invitis nian samideanon, krei kurson en la klubo mem. S-ro Devillez kompreneble ne preterlasis tiel belan okazon kaj komence de marto, li malfermis la deziritan kurson kiu, laŭ la unuaj sciigoj, ŝajnas esti trafinta bonan sukceson.

La 1-an kaj 8-an de marto okazis la kutimaj parolad-kunvenoj en la grupoj. La 15-an, pro neatendita morto de nia bedaŭrata Prezidanto, S-ro Schoofs, kunsido ne okazis kiel signo de funebro. La 25-an kunvenis la komitato por pristudi la estontajn organizaĵojn kaj nome la kursfinajn ekzamenojn.

# In memoriam Frans Schoofs

En la antaŭa numero de « Belga Esperantisto », ni jam atentigis pri la fakto, ke, dum la funebra kunsido de « La Verda Stelo », oni rondirigis liston por formi malgrandan kapitalon, kiu permesos konstrui monumenton sur la tombo de nia formortinta amiko S-ro Schoofs.

Ni jam diris, ke de nun tiu konstruo estas certa.

La sama vespero, deko da samideanoj enskribis sin ĉiu por Fr. 500, al kiu oni aldonu ankoraŭ diversajn donacojn de 100, 50 frankoj, k.c.

Tiuj membroj de « La Verda Stelo » kaj, cetere, de ĉiuj grupoj de Belgujo, kiuj deziras partopreni, eĉ per malgranda donaco al la efektivigo de tiu plano povas sendi monon al Poŝtĉekkonto N. 1700.10 de S-ro Jaumotte.

* * *

En la raporto pri la belega ceremonio de la enterigo de S-ro Schoofs, la raportinto citis nur la oficialajn reprezentantojn, kiuj parolis nome de diversaj organizaĵoj.

Ni tamen volas nun aldoni kelkajn pliajn detalojn pri la kondolenc-esprimoj, kiuj venis de ĉiu flanko.

Inter tiuj, kiuj ĉeestis la ceremonion, venis speciale el diversaj urboj de Belgujo : F-ino Thooris (Bruĝo), G-roj Kempeneers; S-ino Staes kaj filino; S-roj Bas, Castel, Opal (Bruselo) ; Leflot (Liero) ; Cogen (Ninove) ; S-ro Dechesne (Sclessin) ; G-roj Herion (Verviers). S-ro Pétiau nur kapablis viziti S-inon Schoofs posttagmeze.

Ni ankaŭ jam parolis pri la granda floramaso, kiu ĉirkaŭis la ĉerkon. Ni ne intencas nomi tie ĉi ĉiujn ensendintojn. Ni tamen volas citi la grandajn kronojn kaj garbojn de U.E.A., de « Belga Ligo Esperantista », de « Belga Esperanto-Instituto », de la Reĝa Grupo de Antverpeno « La Verda Stelo », de la Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista, de la Brusela Grupo Esperantista, de la « Flandrema Grupo Esperantista » kaj de la diversaj estraranoj de la Ligo, administrantoj de B.E.I. kaj gvidantoj de « Verda Stelo ».

Pri la gazetaraj artikoloj ni diros kelkajn vortojn en sekvanta numero, ĉar la plimulto ne jam aperis aŭ ne jam alvenis.

# LITERATURO

## Ĉu la « Marserpento » ekzistas?

Ŝajnas ke en la Loch Ness, en Skotlando, troviĝas iu stranga monstro, kaj denove la demando « Ĉu marserpentoj ekzistas ? » venis el multaj buŝoj.

Kvankam jam multaj personoj pretendis ke ili estis vidintaj la monstron, nek la granda publiko, nek la scienculoj volas kredi tion.

La unuan iomete sciencan priskribon ni trovas en la verko de Olaus Magnus, episkopo en Upsala: « Historia de gentibus septentrionalibus » :

« *Ĉiuj maristoj, kiuj regule ŝipveturas sur la norvegaj maroj, rakontas sammaniere pri miriga fakto. Laŭ ili, troviĝas inter la rifoj kaj en la grotoj de la marbordo, ia serpentego, longa je 200 futoj kaj larĝa je 20 futoj ; ĝi nur eliras sian restadejon por formanĝi bovidojn, bovinojn kaj porkojn. Aliflanke, troviĝante en la akvo, ĝi eĉ manĝegas sepiojn.* »

Aliloke li skribas :

« *Mi jam delonge dubis pri la ekzisto de marserpentoj, sed multaj maristoj, kiuj estas ĉiuj tre fidindaj, certigis min pri ĝia ekzisto, kiun eĉ ne unu homo neas.* »

Inter liaj rakontoj troviĝas ankoraŭ :

« *En 1555a, la besto kuŝis laŭlonge de la norvega marbordo ; oni kredis ke ĝi estis simpla rifo ĉar ĝi eĉ estis kovrita per marherbo. Oni metis altaron sur ĝin kaj okazigis Diservon : la besto ne movetis : sed tuj post la fino, kiam ĉiuj personoj estis ree sur la bordo, ĝi malaperis kun la altaro kaj ĝiaj akcesoraĵoj.* »

Ankoraŭ multaj aliaj personoj parolis pri la besto:

— Foje la ŝipestro de la « Avalanche » vidis du tiajn monstrojn kaj laŭ li ili estis longaj je 200 metroj.

— En 1746, Laurent de Ferry « renkontis » la beston en la norvegaj maroj.

— En 1817 oni vidis ĝin en la ĉirkaŭaĵo de Glocester (Usono).

— En 1848, la anaro de la angla militŝipo « Deadalus » vidis de tre proksime, 22 jardojn longan marserpenton, laŭlonge de la Afrika marbordo.

— En 1875 la ŝipestro Drevar pretendis, ke li estis vidinta, la 8an de Julio 1875a, batalon inter marserpentego (160 futa) kaj baleno.

— En 1877 ĝi preternaĝis la reĝan jaĥton « Osborne ».

— En 1892 la nederlanda scienculo Oudemans aŭ Oudermans konigis sian opinion : laŭ li la fenomena besto estis « Megophias ».

— En 1893 oni vidis ekzemplerojn en Afriko, Aŭstralio kaj en Brazilio.

— En 1898 la ŝipleŭtenanto Lagresille vidis strangan marloĝanton en la golfo de Along ; laŭ lia priskribo, ĝi aspektis pli malpli kiel serpento.

— Poste ankoraŭ pluraj personoj skribis pri ĝi, vidis aŭ kredis vidi ĝin ; Jean Richepin eĉ dediĉis al ĝi parton de siaj « Marpoemoj », kaj nun en nia 20a jarcento aperas iu besto, eble nepo de la fenomena serpento, en la Skotlanda « Loch Ness ».

— Tiu ĉi temo nune interesas multajn personojn sed ankoraŭ pli multaj rikanas nekredemo kaj mi finas per alia demando, kiun mi tre ŝatus vidi respondita en iu sekvonta numero : « Kial estus neeble ke la marserpentego ekzistas ? ».

*Tradukis el diversaj notoj kaj revuoj :*
Henri SIELENS.

LA MALMODERNA AVINO.

La malmoderna avino estis figuro en la familia rondo. Kiam ŝi postvivis la avon, ŝi loĝis sola en la granda malnova familia domo kun unu fidela maljuna servantino. En vitroŝrankoj troviĝis bela, antikva porcelanaĵo kaj en la ŝamaj ujoj kuŝis peza malnova arĝentajaro en ŝranktirkestoj tapetitaj per verda drapo. En la peza antikva mahagona tolaĵujo estis bela kaj vera damaskaĵo. Ĉio tio aperis dum familiaj festenetoj. La malmoderna avino de tiu speco survestis nevariante nigran silkon. Ŝi havis maldikajn, delikatajn manojn kaj je la ringofingro estis movetigebla la iomete uzata edzinringo kaj provis esti rondturnigita de esploremaj genepaj fingretoj. La malmoderna Avinjo kelkfoje loĝis en la hejmo de edziĝinta infano. Tiam ŝi havis apogseĝon apud la fenestro aŭ proksime de la kameno. Ŝi partoprenis en la mastrumado ; ekzistis manĝaĵoj kiun nur Avinjo povis bonege prepari. Ŝi kudris subsakojn por siaj nepinetoj kaj trikis maldikajn ŝtrumpetojn por la buboj. Ŝi promenadetis kun la infanveturilo en la sunbrilo. Ŝi konis sendanĝerajn kuraciletojn por gorĝdoloro kaj aknaĵo, ŝi preparis boteletojn da glicirizakvo, je kiuj pendis tre impresiganta surskribeto. La malmoderna avinjo malofte eliris, krom okazis datrevenoj aŭ aliaj festaĵoj en la familio. Ŝi kutimis skribi monate longajn leterojn al malproksime loĝantaj familianoj, kies naskiĝotagojn ŝi konis perkere. La genepoj iom ridetis pri ĉiuj tiuj aferoj kaj tamen trovis la agmanierojn de la Avinjo ege agrablaj, kvankam ili tion neniam estus esprimintaj tiavorte. La iomete timema filo de la familio konfidencis pli facile al la Avinjo ol al sia severa patro aŭ iomete malpacienca patrino; kaj la filino, kiu volis elpeti ion, unue sondis Avinjon por scii ĉu ŝi verŝajne volus esti ŝia pledantino. La malmoderna Avinjo ĝuis malmultan tempon por si mem kaj emis je filozofiaj pripensadoj. La moderna grandurba vivo kutime timigis ŝin kaj ŝi nomis la modernajn morojn malvirtitaj. La esprimo «en mia tempo» estis kliŝigita en ŝia buŝo kaj laŭ ŝiaj rakontoj, la patrino kiel knabineto neniam havis malbonajn notojn aŭ punojn en la lernejo. Ofte okazis ke oni iomete ridis pro ŝi, sed tamen ankaŭ okazis ke kelkfoje ŝi elparolis vortojn, kiuj estis pli malfrue pravigataj de la okazintaĵoj aŭ kiuj instigis al pripensado. Kaj kiam la tago estis for, dum kiu oni portis ŝin al ŝia lasta ripozejo, ŝi mankis laŭ dekduoj da manieroj.

tradukis M. J. VANDEN BERGHE.
El « Haagsche Post »

LA MODERNA AVINO.

La moderna avino vivas « à la garçonne ». Ŝi estas la sinjorino en pensiono ĉe alia maljuna sinjorino, kiu havas tro grandan domon, el kiu ŝi deziras ludoni unu aŭ plurajn ĉambrojn. Kompreneble, la moderna Avinjo ne plu portas ĉapeton nek puntan kaptuketon. Ŝi tamen portas ĉapeton, sed nur kiam ŝi iras promeni kaj tiam ĝi pendas dekstre, sur unu orelo kaj estas la tutlasta kreaĵo de ĉapelistino! La moderna avino havas grandan emon al higieno. Matene ŝi prenas pluvbanon kaj kelkfoje ŝi sekvas gimnastikekzercojn per radio. Ŝi pristudas akurate matenĵurnalojn kaj ankaŭ prospektojn kaj aliajn reklamilojn kiuj enfalas en sian leterkeston. De kiam ŝi loĝas en ĉambroj, la avino havas multe da tempo: tro multe da tempo! Pli frue la kuirado por hejma familio postulis ĉiutage kelkajn horojn. Sed kuiri por unu persono iras pli rapide, kaj, se la pensionestrino ne tro postulas por siaj manĝaĵoj, la avino kelkfoje mendas ĉe ŝi la tagmanĝon. Por la cetero oni multe faras per paro da konservskatoletoj, koteleto en gelato, ovoj kaj tomatokaĉo. La moderna avino ankaŭ ne havas liton. Tio sonas iomete malŝatinde kaj fakte estas iom malŝatinda. Sed ŝi mem pretendas, ke la dormdivano, kiu tage estas kovrita per tapiŝeto persa kaj multkoloraj kusenoj, multege plaĉas al ŝi. La infanoj de tiu moderna avino estas ĉiuj edziĝintaj kaj havas ankaŭ siavice infanojn, kvankam ne estas tiom. Ili loĝas proksime de ŝi kaj malgraŭ tio, Avinjo ne tro ofte transpaŝas ilian soljon, ĉar ŝi ja scias ke inter la pli maljuna kaj la pli juna generacioj ekzistas netranspontebla fendego. Se ŝi venas, unufoje semajne por tagmanĝi aŭ por trinki tason da kafo aŭ da teo, ŝi ŝercas kun siaj bofiloj kaj laŭdas siajn bofilinojn.

La moderna avino estas iomete amuzema. Ŝi ŝatas teatron kaj kinematografon, muzikon kaj butikkuradon, movplenajn magazenojn, lumreklamojn kaj teon kun kuketoj. Ŝi ĉiam scias kie okazas elvendadoj kaj volonte prenas sur sin komisiojn por siaj infanoj. Unufoje semajne venas ĉe ŝi aliaj maljunaj sinjorinoj por trinki tason da teo kaj vespere ŝi ankaŭ ofte kun ili kartludas. La supermoderna avino havas kun siaj malmodernaj antaŭulinoj tre malmulte da eksteraj similaĵoj. Sed kelkfoje tamen ŝi ekĝemas mallaŭte en si mem, ĉar, en la silento de sia enĉambra vivo, ŝi finfine kelkfoje devas envii la iaman avinon, kvankam ŝi preferus formordi sian langon ol tion konfesi.

tradukis MARIA SANDERS.
El « Haagsche Post »

# DIVERSAĴOJ

## Bibliografio.

HANS WEINHENGST : Turnstrato 4. Originala Romano. Formato 20x13.5 cm. 172 paĝa, kun dukolora kovrilo. Eldonis Literatura Mondo Budapest. Prezo broŝurita svfr. 3.50, bindita svfr. 5.— plus 10% por sendkostoj. — Por membroj de Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj la 1-a libro por 1934.

EUGENO ALSBERG : Fine mi komprenas la radion! Babiladoj pri la radio, originale verkita en Esperanto kaj tradukita en 13 lingvojn. Kun 245 klarigaj kaj amuzaj bildoj. Formato 23.5x15.5 cm. 114 paĝa sur senligna papero kaj dukolora kovrilo. Eldonis Literatura Mondo Budapest. Prezo broŝurita svfr. 4.50, bindita svfr. 6.— plus 10% por sendkostoj. — AELA-membroj de 1933 aŭ 1934 ricevas la verkon por 40% de la vendoprezo.

FREDERIKO KARINTHY: Vojaĝo en Faremidon kaj Du ŝipoj. Noveloj, el la hungara tradukitaj de L. Totsche. Formato 20x13.5 cm. 84 paĝa. Eldonis Literatura Mondo Budapest. Prezo svfr. 1.20 plus 10% por sendkostoj. — Membroj de AELA ricevas la verkon por la 40% de la vendoprezo.

LA PROFETO. Paĝoj el la hungara Laborist-tendenca Belliteraturo. 32 paĝoj - formato 115x150 mm., prezo : fr.fr. 2,— plus 10% afranko (Eldono de S.A.T.)

## Informoj.

« Goupil », la organo de la « Girl-Guides & Boyscouts» Belgujo (Sud-Valona), enhavas regule malgrandan Esperantistan Kronikon. Redaktejo : 10, rue de la Blanchisserie, Braine-le-Comte.

**Esperanto en la lernejoj.** En Britujo nia lingvo estas instruata en 27 unuagradaj lernejoj kaj en 13 liceoj.

**Princo Karolo de Svedujo,** frato de nia reĝino, vojaĝas en Japanujo. Li akceptis la delegitojn de la Esperanto-grupo de Asaka. Ni ja scias, ke la princo lernis Esperanton jam antaŭ kelkaj jaroj.

**La Brazila Poŝtadministracio** eldonis oficialajn poŝtkartojn kun Esperanto-teksto. En tio ĝi sekvis la poŝtojn de Lichtenstein, de Dancigo, de Ruslando kaj de Hungarujo. La Januara numero de « Esperanto » donis reproduktaĵojn de ĉiuj jam eldonitaj kartoj kaj poŝtmarkoj.

**En la franca parlamento** ekzistas grupo por la defendo de Esperanto, kiu konsistas jam el 63 deputitoj de ĉiuj politikaj partioj. En siaj lastaj kunsidoj ĝi ekzamenis ĉefe la problemon pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

**Franca Esperantisto** estas la titolo de la nova organo de la Franca Societo por la propagando de Esperanto. Ĝi aŭstataŭas la gisnunan gazeton « La Movado ». Ni deziras al ĝi longan vivon kaj fruktodonan laboron.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.